# Pola Esperantisto
# Esperantysta Polski

| XXXIII JARO | NRO 7 | JULIO 1939 |
| --- | --- | --- |

ELDONANTO — WYDAWCA
POLLANDA ESPERANTO-DELEGITARO
REDAKTANTO — REDAKTOR
PROF. DR ODON BUJWID

Aperas la 20-an de ĉiu monato. Redakcian materialon oni petas sendi ĝis la 10-a de ĉiu monato. La redakcio estas rajtigita laŭ bezono ŝanĝi la tekston de manuskriptoj.

## INTERŜTATA ESPERANTO-AKORDO KAJ LA MILITO.

*Rimarko de la Redakcio:* Neniu scias, kion alportos la plej proksima estonteco, ni tamen estas pli optimistaj ol la aŭtoro, ĉar ni kredas, ke malgraŭ ĉiuj ŝajnoj, la milito ne tuj eksplodos.

**Adiaŭ al paco! Lastaj rimarkoj antaŭ la eksplodo de la milito. Agado dum la milito. Testamento.**

En la kuranta politika situacio oni devas atendi jam plej baldaŭan eksplodon de la germana-pola, aŭ germana-hungara milito. Ni travivas eble la lastajn tagojn de la „paco", sentante jam venenigan spiron de la alproksimiĝanta katastrofo. Adiaŭ al la paco!

En tia situacio komprenebla maleble estas plue labori por IEAk. Oni povos renoviĝi la pluajn entreprenojn ne pli frue ol post la milito. Bone okazis, ke ni ia-grade per komuna laboro preparis en la jaroj 1937-1939 la grundon por venontaj, novaj ĝermoj el la postmilitaj ruinoj. Ni dankas tiujn ĉi, kiuj bonvolis kunlabori kaj manprenas tiujn ĉi „pacajn batalantojn", kiuj nin sekvos eble post nia morto kaj kiujn ni jam nun salutas el la epoko de pac-krepusko.

Mi tamen ne opinias, ke nenio por IEAk estas farebla dum milita periodo. Se tiel estus efektive, mi ne skribus tiujn ĉi vortojn. Jen mia opinio:

El la ĝisnuna sperto oni povas konstati, ke ni nepre devas serĉi en la realiĝo de IEAk-ideo la helpon de ŝtataj aŭtoritatoj, kiuj kun la kormalsano, ni tion konstatu, plej ofte tute ne estas kompetentaj pri Esp. problemo. Ili do estas malkompetentuloj, oni devus ilin preteriri kaj tamen preteriri ilin ni ne povas, ĉar de ili dependas gravaj decidoj pri IEAk, sen kiuj ni nenion grandskalan sukcesos atingi.

Do, oni povas elprofiti la militon por montri al ili ke esperantismo povas helpi al la defendo de la propra lando. Ni elprofitu ĝin uzi por la nacia, ŝtata, landa propagando, kiel tion faras ĉinoj, japanoj kaj dum la lasta hispana milito katalunaj hispanoj. Poste, havante malantaŭ si iajn akirâjojn, ni povos tion ĉi citi en la postmilitaj tempoj kaj peti eltiri el tio la konsekvencojn por IEAk. Ni agu tamen tiel, ke la profito

el Esp. propagando por tiu ĉi landa defendo estu videbla.

Due: ni kolektu ĉiujn pruvojn de la lingvaj malhelpaĵoj dum la venonta milito, kiuj malebligos rapidan interkonsenton de diverslingvaj aliancitaj armeoj, ni dokumentu tion detale por povi ĝin profitigi poste por ideo pri IEAk. Jen, kio estas farebla dum la milito por IEAk!

Plue bona konsilo por venontaj postmilitaj agantoj: Se dum la diskuto aŭ ratifo en iu parlamento vi ne scios, kia povus esti la rezulto, ĉu eble ne danĝera por IEAk, vi agu tiamaniere: per dissendita inter deputitoj enketo kun respondiloj vi povas antaŭe ekscii la venontan rezulton. La nerespondītajn demandojn oni kalkulu preferinde kiel neajn respondojn ol pozitivajn. Se vi vidos, ke la rezulto estas danĝera vi haltigu vin kun la propono pri IEAk.

Plue: la diskuto en Ligo de Nacioj kaj en la bavara parlamento montris, ke la diskutantoj alpaŝis al la diskuto tute nepreparitaj kaj diris azenecaĵojn. Okazis eĉ io pli malbona: ili ne nur ne estis preparitaj, sed ili opiniis, ke pri esperantismo oni povas diskuti sen speciala preparo kaj informiĝo. Por tion ĉi eviti, laŭpove estus rekomendinde agi tiamaniere, kiel ekz. pri problemoj sanecaj, pri kiuj eldiras unue sian opinion la kuracistoj kaj higienistoj kiel specialistoj-spertuloj kaj en la parlamento jam oni plu ne bezonas diskuti pri la flanko saneca, sed pure pri flanko socia: „ĉu iu ordono (leĝo) saneca povas aŭ ne povas esti utila por la bono de la socio?"

Ni agu, se eble, simile kun esperantismo. Se venos ĝusta tempo post la milito, oni proponu, ke oni donu antaŭe al unu, aŭ al kelkaj personoj la problemon pri esperantismo kaj pri IEAk por speciala trastudo. Tiuj personoj, ricevinte specialan por tiu celo stipendion, estu devigataj eklerni bone esperanton kaj viziti kelkajn landojn kaj poste raporti el vidpunkto, „ĉu Esp. taŭgas, aŭ maltaŭgas kiel internacia helpa lingvo?" (kio por ni estas jam delonge solvita, sed ne por registaroj). Se la rezulto de la esploro estos malfavora, ni simple ne prezentos ĝin al la deputitoj, atendante, ĝis kiam aliaj ŝtatoj ricevos pli bonajn rezultojn ĉe si. Se la rezulto estus tamen favora, ni tre multe gajnos kaj simpligos la diskuton, ĉar, se iu malkompetentulo volus sen la preparo, apogante sin je la antaŭjuĝoj preni la voĉon el lingvistika vidpunkto, oni diros al li, simile kiel en la diskuto pri sanecaj reformoj: „Sinjoro deputito! La problemo estis jam el tiu ĉi *lingvistika* vidpunkto esplorita de la specialistoj, al kiuj oni donis ĝin por la ĝisfunda trastudo. Limigu vin do *al pure socia* vidpunkto: „ĉu nia lando devas aŭ maldevas alpaŝi al IEAk?" Se „ne devas", bonvolu diri viajn realajn kialojn. Tiamaniere, kvankam oni ne evitus la danĝeron de malkompetentuloj, tamen oni ĝin malgrandigus eble 50-procente.

Jen lastaj miaj rimarkoj kaj konsiloj antaŭ la eksplodo de la milito germana-pola. Ni vidos nin •rce en verdaj vicoj post la milito. Se mi ĝin ne travivos, estu tiuj ĉi vortoj kaj opinioj, sendepende ĉu ili plaĉas aŭ malplaĉas, mia lasta idea testamento pri IEAk.

Adiaŭ karaj kunlaborantoj! Adiaŭ samideanoj!

*dro Antoni Czubryński.*

# LETERO EL FRANCUJO.

Kiam Profesoro BUJWID venis en Parizon antaŭ kelkaj semajnoj, mi havis la plezuron kaj la honoron akcepti lin hejme. Dum nia interkomuniko de ideoj ĉefe pri esperantaj aferoj, li petis de mi, ke mi skribu artikoleton pri propagando por la pola esperanta ĵurnalo: mi ne kuraĝis rifuzi.

Kompletan studon de propagando en Francujo, certe mi ne povas verki, tute simple mi nur donos kelkajn informojn aŭ faros rimarkojn.

Ŝajnas al mi, ke la plej bona propagando okazas hazarde. Ne bezonas imponaj paroladoj, kelkafoje unu vorto sufiĉas aŭ mallonga frazo por frapi imagon, por sentigi, ke Esperanto ekzistas. Kun amikoj aŭ parencoj, kiuj interesiĝas pri vi, simple parolu pri via propra esperanta agado, almenaŭ pro simpatio, oni aŭskultos vin kaj Esperanto aperos kiel grava afero. Ĉu en koversacio temas pri malfacilaĵoj por lerni fremdajn lingvojn aŭ por interrilati kun alilandanoj, tuj montru, ke ĉi tiuj problemoj estas solvitaj per Esperanto.

Lastan vintron mi renkontis en la Centra Oficejo de S. F. P. E. (Societo Franca por la Propagando de Esperanto) hungaran familion. Mi provis helpi la sinjorinon, donante al ŝi la informojn, kiujn ŝi bezonis. Poste mi invitis ŝin veni kun ŝia filino al unu el miaj esperantaj lecionoj. Ŝi parolis pri Budapest kaj ŝia filino deklamis poezion pri Parizo. Miaj lernantinoj, kvankam komencantaj, bone komprenis kaj trovis tre interesa tiun eksperimenton: unuafoje ili spertis la utilecon de Esperanto.

Nia Franca Ministro de Nacia Edukado en lasta oktobro donis al esperanta movado

potencan helpon per cirkulero tute favora al Esperanto. De tiam oni havas permeson instrui Esperanton en ĉiuj duagradaj lernejoj de Francujo. Bedaŭrinde la publiko ne estas ankoraŭ sufiĉe preparita al tiu instruado, por ke oni povu maksimume profiti de ĉi tiu permeso. Sed apogante sin sur la ministra cirkulero, S. F. P. E. organizis intensan bonegan propagandon en tuta Francujo: oni sendis unue en novembro leteron al ĉiu rektoro, poste en aprilo leterojn kaj propagandajn paperojn al la gedirektoroj de ĉiuj duagradaj lernejoj (1500 leteroj). Plie agema trio de sindonemaj geesperantistoj ĉiam estas preta alveni, kien oni alvokos ĝin por fari mirindan elpruvon, kiu konsistas el tri partoj:

1) parolado de la aktiva sekretario de S. F. P. E., sinjoro PETIT; kiu tre lerte scipovas adapti siajn frazojn al la aŭdantaro;

2) unua rapida leciono tre vigle gvidata de fraŭlino FAUCHER, instruistino;

3) prezentado de la propaganda kaj amuza filmo „ANTAŬEN", kiun kreis sinjoro MAHE, kaj kiun vi vidis en Varsovio dum la jubilea kongreso en 1937.

Dank' al la cirkulero tiuj elpruvaj kunvenoj povis okazi en diversaj medioj, ĉefe en multaj lernejoj; liceoj, seminarioj por junuloj kaj junulinoj.

Jam de kelkaj jaroj radiaj esperantaj dissendoj kontribuas al la disvastigo de la helpa lingvo. Paroladoj, kantoj, poezioj, teatraĵoj, kursoj el pli ol unu francaj stacioj ĉiusemajne estas eŭdeblaj kaj alportas ĉu al izoluloj ĉu al grupoj esprimojn en nia amika lingvo. Supera kurso komenciĝis la unuan ĵaŭdon de majo el la stacio P. T. T. kaj baldaŭ ĉiutage oni sendos informojn.

La rezultoj de tiom da klopodoj estas ja senteblaj ne nur per la nombro de esperantaj grupoj, de esperantaj kursoj aŭ de anoj en la grupoj aŭ de libroj venditaj sed ankaŭ per subtilaj observoj: kiam oni parolas pri Esperanto, oni ne plu rikoltas mokajn ridetojn aŭ mirajn mienojn, kelkafoje eĉ simpatio esprimiĝas. Amiko, kiu funkciigas sian radian aparaton preskaŭ dum la tuta tago, unue koleris pri la kurso de Esperanto, la sekvantan jaron, li anoncis al mi, ke li lernis kelkajn esperantajn vortojn. Koleginoj, kiuj antaŭe mokis min pri Esperanto, poste pruntis de mi libron por lerni la lingvon aŭ peri de mi informojn pri mia esperanta agado.

Esperanto nun en Francujo estas fakto bone konata. Ni do en tiuj lastaj jaroj faris antaŭan paŝon. Certe tio ne sufiĉas, sed ĝi estu kuraĝigo por daŭrigi la utilan propagandon.

*M. Jeangirard*

Honora Profesorino de Liceo

Instruantino de Esperanto en Paris.

*TADEUSZ KRZYŻEWSKI*

# POLLANDA ESPERANTISTARO — AL LWÓW!

(El artikolo sub titolo: Larmoj kaj ridetoj de Lwów).

Lwów estas urbo kuraĝa kaj plenfervora. Apenaŭ ĝi ekspiris post multobla milita invado kaj atako de bolŝevikoj, kiuj ankoraŭ en jaro 1920 al Lvovo alpaŝadis, jam en sekvinta jaro ĝi leviĝas de kadukeco kaj entreprenas grandan penon ligi kun Oriento kaj Okcidento la ŝiritajn kontaktojn: konstruas sur belega Post-ekspozicia Placo, apogita je Parko de Kiliński — sian Internacian Orientan Foiron — en jaro 1940 jam XX laŭvice.

Ĝi okazas ĉiujare en unua duono de septembro, daŭras 10 tagojn, kaj estas vera revuo de pola industrio kaj tekniko, ĉar en kadroj de Orienta Foiro okazas ankaŭ konstante t. n. „Teknika Foiro" — ariganta en kelkdeko da pavilonoj sur spaco de 40.000 m² tutan industrian movadon de orienta Malgrandpolujo. Dum 10 tagoj vizitas Foiron 300.000 homoj, do 30.000 ĉiutage. La foiro estas vera Lvova Festo, kaj ekspozicia placo — estas samtempe ĝardeno, dronanta en verdaĵo, situita inter centjaraj arboj, kie en unu el plej grandaj konstruaĵoj enas fame konata tra la tuta mondo Raclavica Panoramo en tuta sia potenco kaj beleco de siaj koloraj ĉarmoj.

Ĉi majstra verko pentrita de niaj plej famaj pentristoj kun Jan Styka kaj Adalberto Kossak, en unua rango estis farita en jaro 1894 — por granda Landa Ekspozicio, arangita tiam en Lvovo, kiel en ĉefurbo de iama aŭstria provinco Galicio.

Pri la grandeco de tiu ĉi pentverko — donas certan imagon cifero de ĝia dimensio: 120 m laŭlonge kaj 17 m laŭalte. Ĉiu, kiu iam ajn vidis ĉi tiun imponan pentraĵon, restas sub ĝia neforgesebla ĉarmo, tian potencon havas ĉi tiu epopeo de Kościuszko, tiel vive kaj kolorplene staras antaŭ la okuloj la historia pasinteco, revivigita per majstra artista peniko.

Kun okuloj plenaj je briloj kaj koloroj — ni iras pluen tra Foira Placo — jam ne por plue viziti — nur por iom ripozi post tiom da impresoj.

Bongustemulojn logos certe fama de bona kuirejo Leona Urbo...

Kaj ĉiuj aliaj venos certe — ĉar tie ĉi sur plej bela tombejo de Polujo ripozas,



Pavilono de Orienta Foiro sur Ekspozicia Placo.

Amatoroj de historiaj vidindaĵoj — agrable estos mirigitaj, vidinte lvovan ĉefplacon returnitan al ĝia antaŭa, antikva arkitektura beleco. Librejaj trezoroj de Ossolineum kaj, aliaj muzeoj — ekskursoj al Żółkiew, Olesko, Podhorce, aŭ Brzeżany, naskiĝurbo de Marŝalo Rydz-Śmigły — plenigos ĝisrande la tempon eĉ de plej postulema ŝerĉanto de vidindaĵoj.

Sportistoj — devas scii, ke Lwów posedas perfekte disvolvitan klubejan vivon. — Ke tie ĉi fondiĝis plej malnovaj polaj sportkluboj en Polujo — Czarni kaj Pogoń...

lvovaj Aglidoj; ĉar tie ĉi naskiĝis, floras kaj ĉiujn ridigas plej amata radia infano: gaja ondo de Szczepko kaj Tońko, ĉar tie ĉi per vera lingvo parolas Arto de sur scenejo en Granda Teatro.

Kaj kiam vi forveturos de Lvovo, ĉien jam kun vi iros rememero pri „amata urbo" kaj vortoj de kanto

„Nasz drogi Lwów —
To miasto snów...
I gdy gdzieś usłyszysz: „caje ronczki",
Gorączkę już masz!".

Elpoligis J. T.

# IX POLLANDA KONGRESO DE ESPERANTO

## KAJ ĜENERALA KUNVENO DE P. E. D.

okazos la 9—10 IX 1939 en Lwów.

**Adreso:** IX Pollanda Kongreso de Esperanto, (Muzika Instituto), Lwów, str. Kościuszki 6.

**Adreso por korespondado:** la sama, tamen de 15 VIII 1939 j. — en urĝaj aferoj skribu rekte al la ĝen. sekr. Mgr Natan Herr, Lwów, str. Piekarska 9 — kun surskribo: „Kongreso".

**Kotizo:** 3 zł — junularo ĝis 18 jaroj, studantoj kaj akompanantaj familianoj pagas duonon, t. e. 1 zł 50 gr. Blinduloj ne pagas kotizon. La monon oni povas sendi per poŝtmandato sub nomo: S-ino Laura Nadel, Lwów, Hołówki 10 (Kongreso) aŭ per PKO konto 507280 sub nomo Józef Toczyski, Lwów. Oni petas pri frua aliĝo, por ebligi al la L. K. K. fruan elsendon de Kongresaj dokumentoj.

**Loĝejoj:** Ĉar la Kongreso okazos dum daŭro de Orientaj Foiroj (Targi Wschodnie) la loĝejajn aferojn pritraktos la Ĝenerala Urba Komitato de loĝejoj. L. K. K. prizorgos ankaŭ kelkajn senpagajn loĝejojn. La dezirantoj skribu pri tio al L. K. K. por pli frua prizorgo, kun aldono de poŝtmarko por respondo.

**Fervoraj rabatoj.** — Ĉiu, kiu aliĝas al la Kongreso, devas en sia hejma trafikoficejo

aĉeti aliĝkarton de Orienta Foiro en Lwów (karta uczestnictwa na Targi Wschodnie we Lwowie), kiu rajtigos la aĉetanton por granda fervoja rabato kaj enhavas en si la pagon de enirbiletoj al la Orienta Foiro, al diversaj muzeoj, rabatoj por vizitado de teatroj k. t. p. La aliĝkarto de Orienta Foiro estos malmultekosta. L. K. K. zorgas ankaŭ pri rabatitaj trambiletoj por kongresanoj.

Dum la Kongreso devas okazis ankaŭ kunveno de I. K. U. E. (Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista).

L. K. K. invitas sincere ĉiujn esperantistojn de nia lando viziti la kongresan urbon Lwów.

Ĉar la Kongreso havos nur internan karakteron, L. K. K. decidis ne elekti specialan Honoran Komitaton.

Por L. K. K.:

*Mgr N. Herr* — ĝen. sekr.

*Józef Toczyski* — prez.

## ĜENERALA KUNVENO DE P. E. D.

En ĝi rajtas partopreni la aliĝintaj grupoj per siaj rajtigitaj reprezentantoj. Ĉiu reprezentanto devas posedi skriban rajtigon, en kiu estu citita nombro de la membroj. Ni atentigas, ke laŭ art. 10 § 2 membroj, kiuj ne pagis la kotizon, ne rajtas voĉdoni.

**Tagordo:** 1) Raportoj. 2) Raporto de la Rev. Komisiono. 3) Fikso de la sekvanta Ĝ. K. 4) Elektoj. 5) Demandoj kaj proponoj. Proponoj pri la tagordo devas esti senditaj 2 monatojn antaŭ la Ĝ. K.

Art. 26. § 1. Ĝ. K. estas decidopova, se la ĉeestantoj rajtigitaj al voĉdono reprezentas minimume ¼ da ĉiuj vocoj, per kiuj disponas ĉiuj membroj de P. E. D. kune.

§ 2. Se la Ĝ. K. ne okazus pro manko de la nombro necesa laŭ § 1, devas la Estraro en du sekvantaj semajnoj kunvoki denove la Ĝ. K., dum kiu la decidoj estas alprenotaj sendepende de la nombro de reprezentitaj voĉoj. Tiun ĉi novan Ĝ. K. ne koncernas normoj de art. 21 §§ 1 kaj 2, art. 25 § 3 alineo 1.

**Estraro de P. E. D.**

# JUBILEA ESPERANTO KONGRESO DE LITOVA ESPERANTISTARO EN KAUNAS.

Ricevinte afablan inviton de Litova Esp. As. kiel prezidanto de P. E. D., mi konsideris mia devo partopreni la Kongreson persone kaj samtempe revidi Litovujon, kiun mi ne vidis post la Granda Milito. Mi treege bedaŭris, ke mi ne ĉeestis en Kraków dum la vizito de Samideano Antanas Poŝka, Prezidanto de Litova Esp. As., kiu subskribis la inviton kune kun s-ano Leonas Kalvelis, Sekretario de la As.

Mi alvenis al Kaunas la 9-an de junio. Mateno. Belega vetero. La „Balta Semajno" altiras multajn reprezentantojn de tri Baltaj Ŝtatoj, inter ili kelkdekon da samideanoj el Latvujo kaj Estonujo. La stacidomo ornamita de floroj kaj standardoj zumas de nekompreneblaj lingvoj. Nur ni, geesperantistoj, tuj interkompreniĝas kaj estas tute hejme. Multaj Litovaj gesamideanoj atendas nin ĉe la stacidomo kun la estraro de la Litova Asocio.

Per aŭtobuso ni estas logataj en hoteloj kaj asociaj loĝejoj.

Kaunas belege situita sur la bordoj de Niemen kaj Vilja aspektas tute alie ol antaŭ la milito. La urbo multe beliĝis kaj treege disvastiĝis. La stratoj asfaltitaj, larĝaj, multe da verdaĵo ĉie. El malgranda provinca urbo ĝi iĝis bela ĉefurbo de Litova Ŝtato.

Belaj magazenoj, multaj fabrikaĵoj de la nacia deveno, surstrate oni aŭdas preskaŭ ĉie nur litovan lingvon. Iomete strange aspektas fremdaj nomoj kun litova finiĝo as, ekz. Grunbergas aŭ similaj.

Afabla samideano Kalvelis kaj aliaj, faciligas mian orientiĝon en la urbo, kvankam oni facile povas trovi diversajn stratojn dank' al la centre staranta sobor, antaŭmilita rusa preĝejo.

Kortuŝa estas la ceremonio de la surmetado de florkronoj sur la tombo de la Nekonata Soldato, kiu okazis je la 20 horo.

Reprezentantoj de ĉiuj tri ŝtatoj kaj tre multnombraj litovaj ĉeestantoj ariĝas antaŭ la tombo sur la Vytaŭtas placo. Vesperiĝas. La tombon ĉirkaŭas multaj krucoj de diversa deveno el la tuta Litovujo — signo de longtempaj suferadoj sub la fremda rusa regado, kiam oni ne povis uzi eĉ unu vorton litovlingve. Studenta junularo el la tri ŝtatoj alportas tri florkronojn. Profunda silento. Oni aŭdas alproksimiĝantan muzikon. Funebra marŝo. Taĉmento da soldatoj ĉirkaŭas la tombon ĉirkaŭitan de aro da standardoj. La kronoj malrapide estas deponataj sur la tombon. Parolas reprezentantoj de la tri Baltaj ŝtatoj — ĉiu en sia lingvo: litova, estona, latva. Gesamideanoj, kiuj min ĉirkaŭas,

penas traduki la paroladon. Lingvoj belsonaj, sed ne kompreneblaj por mi.

Sekvas la bela koncerto de Balta nacia muziko en grandioze konstruita Muzeo de Vytaŭtas. La salono ornamita de diversaj litovaj naciaj pentraĵoj kaj armiloj povas sin trovi en ĉiu granda eŭropa urbo.

Bela muziko de ĉiuj Baltaj Nacioj. Mi ne povas aŭdi ĉiujn, ĉar mi estis jam iomete laciĝita. Entute impona aranĝo.

Sekvantan tagon, post diversaj diskutoj pri diversaj landaj temoj, kiujn mi forestis, estas aranĝita esperanta kunveno, dum kiu oni diskutas la temojn, kiuj interesis nin, esperantistojn.

La plej interesa temo estis, pri kiu parolis s-ano redaktoro Lapiene kaj kelkaj aliaj, nome, ke por ĉiuj tri Baltaj ŝtatoj estas nepre bezona unu lingvo por interrilatoj, ĉar ĝis nun tiu lingvo estis rusa, kiu nun komencas malaperi. La junularo troviĝas en tre malagrabla situacio, ne komprenante unuj la aliajn. Restas nur unu solvo — akcepti esperanton, kaj enkonduki ĝin en lernejon.

Mi bedaŭras, ke mi ne povas nun pli detale priskribi la esperantan parton de la kongreso, ĉar estis tre multaj, interesaj aferoj, kiujn mi volis vidi en la lando, ĝi interesas min multe, ĉar mi estas ankaŭ parte Litovano. Mi ja naskiĝis en Vilno, kaj dum mia juneco mi estis tre ligita kun multaj aferoj litovo-polaj, precipe dum la tragedia jaro 1863, kiam Poloj kaj Litovoj kune suferis sub la pendigiloj de Muravjev-la-pendigisto.

Mi volis vidi kaj konatiĝi pli profunde kun la vivo de Sendependa Litovujo. Tion mi nur parte povis plenumi dank' al miaj karaj samideanoj Poŝka, Kalvelis, kaj multaj aliaj — mi pardonpetegas, ke mi ne citas ĉiujn nomojn.

Sed unu nomon mi devas ankoraŭ almeti: la nomon de mia kara disĉiplo el antaŭmilitaj tempoj, nun profesoro de ginekologio d-ro Pranas Mažylis. Dank' al li mi povis interkonatiĝi kun la scienca kaj ekonomia vivo de Litovujo. Li montris al mi diversajn sciencajn aranĝojn. Unue mi povis konatiĝi kun universitataj profesoroj: Jurias Žylinskas, kiu aranĝis anatomian muzeon, unuarangan en sia fako, prof. kaj dekanon de med. Fak. Laszas, Pranas Gudavicius, Kuzma Vladas, Kazys Miknevicius, direktoro de anatomia veterinara instituto, unuarange aranĝita. Mi ankaŭ ne povas elnombri ĉiujn nomojn. Mi nur povas diri, ke ĉiuj institutoj staras sur forta bazo de moderna scienco kaj pruvas viveco de Nova Litovujo.

Dank' al mia kara Mažylis mi povis ankaŭ viziti kelkajn ekonomiajn aranĝojn: Maistas kaj Pieno-centras.

Maistas arigas sur granda tereno diversajn precipe poreksportajn aĵojn: viandokonservojn, bekonojn (porkaĵojn) grandskala eksporto por Britlando, Norda Ameriko k. al. Unu cifero: 500.000 porkojn jare.

Pienocentras produktas precipe konservojn de lakto: 35.000 litrojn da lakto potage kaj 10 000 kg da lakto centrifugita el najbara kamparo potage por butero al eksporto. Butero, sekigita lakto.

Aranĝoj tute modernaj, kiel mi vidis antaŭ nelonge en Rumanujo (Bukuresti). Mi preskaŭ forgesis diri, ke mi vizitis ankaŭ en Veterinara Akademio bonege kaj tute moderne laŭ Pariza modelo konstruitan instituton por fabrikado de kuracaj serumoj. Instituton gvidas s-ro prorektoro de la Veter. Akademio Kostas Kanauka.

Dank' al s-ro d-ro B. Matulionis mi povis ĉeesti la Rotary klubon en Kaunas. S-ro Matulionis estas direktoro de konata banloko Birŝtany Birŝtonas, belege situita sur la bordo de la rivero Niemen. Li estas ano de Rotary Club en Kaunas. Mi, kiel ano de krakova Klubo, havis plezuron interkonatiĝi kun la anoj en Kaunas kaj pasigi kun ili agrablan kunvenon. La celoj de Rotary similas al Esperantaj.

Mi povus multe pli skribi pri mia agrablega vizito en Kaunas. Mi nur aldonu, ke mi estas ravita de mia vizito kaj koreģe dankas al miaj Litovaj samideanoj por ilia afabla invito. Ni nun laboru pli ankoraŭ fervore por nia komuna afero, kaj pli ofte kunveniĝu. Eble jam venontjare.

Ĉu ne en Tallinn? *O. Bujwid.*

## LA SPORTOJ.

Trarigardante nuntempan periodan gazetaron en ĉiuj eŭropaj lingvoj, ni rekontas tre multenombrajn artikolojn kaj notojn, kiuj temas pri diversaj sportoj kaj iliaj aperoj. Jen oni larĝe kaj emfaze priskribas eĉ plej malgrandajn okazintaĵojn en sporta vivo, jen oni okupas sin pri senfinaj detaloj de la sportista konduto en la societoj kaj ekster ili. Multvorte estas priparolata, ofte eĉ en specialaj organoj, agado de la societoj, kie sportaj celoj estas kunligitaj kun aliaj — „instruaj", aŭ influaj rilate al junularo aŭ plenaĝuloj, kiel skoltoj, naturistoj, nudistoj kaj similaj. Ĉio ĉi tio ofte faras impreson de senutila troeco, eĉ de malutila perdo de la tempo, necesa por aliaj, multe pli konvenaj en nuna stato, laboroj kaj penadoj. Jen lastatempe en nro 21 (1026) de „Heroldo"

Sinjoro William Vatis proponas enkonduki (ĉu devige?) en niaj esperantaj ĉiujaraj kongresoj la sportojn en formo de kurado, naĝado kaj boksado. Ĉiu scias, ke en niaj kongresoj povas partopreni iaj grupoj de esperantistaj kuradistoj, naĝistoj aŭ eĉ de boksamantoj, kaj ke ili povas, se volas kaj se estas sufiĉnombraj, organizi siajn fakojn — afero tia, kvankam por celo kaj ideo de la kongresoj neutila, tamen estas permesita kaj ne bezonas apartajn artikolojn en la esperantista gazetaro. Tamen, se oni postulas, kaj tian sencon enhavas la menciita artikolo, ke kongresa komitato faru iajn preparojn por la sportaj aranĝoj, kio, kompreneble, celas fari sportistojn el esperantistoj, sed ne kontraŭe laŭ devo kaj ideo de la kongresoj, do tio jam ŝajnas esti granda, malutila por nia afero, troeco kaj ni devas detale klarigi la aferon por montri ĉiujn eblecojn de la danĝero, kiun oni devas eviti.

Kiel ni bone scias, sportoj celas subteni nian korpan fizikan sanon, garantiante al ni sufiĉe bonan kaj facilan moviĝemon Do ili sin okupas pri iu ĉefa bezono de nia korpo. Ni eĉ supozu, ke tiu ĉi bezono estas same grava kaj atendinda kiel manĝado kaj trinkado. Sed pri naĝado kaj trinkado ne ekzistas tiel granda „literaturo", tiel multenombraj kaj pasiaj priskriboj kaj fotoj. Oni ne perdas tiom da tempo por la „propagando" de tia aŭ alia maniero de satigado, por la „instruado" jam de frua juneco pri la utileco en nia vivo de tiaj, tute naturaj kaj memkompreneblaj agoj. Oni ne kreas kaj ne subtenas kun granda peno iajn manĝadajn aŭ trinkadajn societojn, kie ĉiuj, sammaniere vestitaj devas manĝi la samformajn pecojn kaj kie plej-rapide-manĝantoj devus ricevi premiojn kaj aplaŭdon. Anstataŭ tio oni simple kaj individue manĝas kaj trinkas tiom, kiom postulas organismo, preskaŭ ĉiam laŭvole kaj libere. Jes, ekzistas restoracioj, manĝejoj, bazaroj de produktaĵoj, oni povas supozi ian „instruadon" en familioj kaj en iaj malgrandaj kaj provizoraj grupoj — tio ĉi permesas pli racie kaj bonguste plenumi tiun ĉi nian naturan taskon, sed neniu faras ĉe tio ian grandan bruon, neniu perdas valoran tempon por la preparado, presado kaj, terure eĉ mencii, legado de tiaj strangformaj kaj sensencaj literaturaĵoj, celantaj, kompreneble sensukcese, trovi iom da spirito en tiuj ĉi simplaj, naturaj kaj memkompreneblaj niaj bezonoj, kaj apliki moralajn fortojn de la spirita sfero al troa disvastigado de kelkaj el ili, kiuj en donita tempospaco al iu plaĉas. Sportoj, tiamaniere traktataj, estas ne nur neutila perdo de la tempo, sed ankaŭ ia malutila ŝanĝo en homa naturo, ĉar oni alkutimigas homojn plenumi simplajn, naturajn postulojn de sia organaro, rilate al nekomplika afero de moviĝemeco, kun troa penego tute ne necesa. Krom tio, ara traktado de tiuj ĉi bezonoj, kiel en societoj kaj lernejoj, enkondukas devigecon, kiu estas kontraŭa al naturo mem de ili: mi manĝas kaj moviĝas plej bone kaj utile individue, laŭ mia propra volo kaj deziro, ne laŭ ia ordono dum ara plenumado.

Sed la plej malutilaj, eĉ danĝeraj cirkonstancoj montras la aferon en la celadoj kaj penadoj de iaj societoj kaj grupoj, parte kaj malfeliĉe junecaj, kiuj sferon de tiaj sportaj aferoj provas subigi al iu ĝenerala penso — alproksimiĝo (fizika nur, do falsa) al la naturo. Tiuj ĉi araj tendaroj, kuirado ĉe fajrujo en arbaro aŭ en stepo, tiu ĉi ĉasado, sekvado je postsignoj — la belaj amuzaĵoj de nia frua infaneco, kiam ili fariĝas fundamento de „instruado" kaj influado ankaŭ ĉe junularo tiagrade, ke ankaŭ plenaĝiĝinte ili tion bone memoras kaj aspiras — estas grava kaj malutila troeco, direktanta ĝeneralan atenton ne antaŭen, sed al frua pasinteco, al periodo de nomadoj, do estas fundamenta reiro en nia homa disvolviĝo. Ankaŭ la konataj praktikoj de naturistoj kaj nudistoj faras la samon ankoraŭ pli decide kaj klare, feliĉe ilia nombro ne estas tiel granda, kiel de la antaŭaj „junularinstruantoj".

Kaj nun mi min demandas kun granda zorgo kaj ĉagreno, ĉu ne al tiuj ĉi tendencoj en niaj sportoj, difektigaj kaj malantaŭenrigardantaj, nia eŭropa kulturo ŝuldas sian lastatempan malfortiĝon, kion ni plej klare vidas en Anglujo — ŝtato de plej forta nacio, bedaŭrinde plej profunde subfosita de la sportaj troecoj. Pripensu, ho esperantistoj, neŭtralaj, antaŭenrigardantaj homoj!

*I. P. E.*

# LA STRANGULO.

(Novelo)

Oni min nomas strangulo.

— Strangulo! — postvokas min infanoj, dum mi trankvile promenas laŭlonge de vilaĝa vojo.

— Strangulo... — flustras ridetante knabinoj, sendante kontraŭ mi malicajn, ironiajn ekrigardojn.

— Strangulo, strangulo... — mi aŭdas

ĉie, kie ekaperas mia malfeliĉa, kunmoke renkontata persono.

— Strangulo...

Kaj strange. Alnomo ĉi tiu min nek kolerigas nek nervigas... mi tute indiferente enaŭskultiĝas tiun strangan, strange por mi sonantan, strangeegravedan, strangeedusantan vorton:

S t r a n g u l o.

Kaj malgraŭ ĉio mi tamen ne koleras .. ne ofendiĝas... Ĉar en profundo de mia animo, kaŝe, sekrete, zorgante ne perfidi tion al mokuloj, mi mem konsentas kun tiu alnomo; mi sentas, ke ĝi nek povas min ofendi, nek tuŝi...

Ĉar ĝi estas centprocente... prava!

Mi jam entute ĝin meritas...

Batante min je brusto, mi kun profunda humileco konfesas al mi mem, ke mi tamen vere estas strangulo... vere...

Sed mi jam konsentis kun mia sorto: la malica vorto „strangulo"... ne efikas... ne forekvilibrigas min...

Ie... profunde, en cerbanguletoj per mano de malica sorto skribita kaj per sia esenco precize kun mia vivo kunligita la vorto: strangulo, delonge jam ĉesis min persekuti ,.

Delonge ĝi ĉesis min konsterni per, nefoje kaj fantome, sur blanka fono de mia imago, ekpentriĝanta nigreco de siaj naŭ literoj: S t r a n g u l o.

Nun mi estas jam tuta trankvila kaj indiferenta...

Ĉio estas en plej bona ordo...

Kaj eĉ de ioma tempo mi subite eksentis, ke tiu magia vorto komencis kaŭzi al mi ioman dozon da plezuro...

Do, dankon al Dio...

— — — — — — — — — —

Kaj nun mi alpaŝas por klarigi al karaj gelegantoj, ĉefan esencon de tiu mia strangeco.

Vi ridas?!

Ridu por sano... mi ridas ankaŭ...

Sed tio ne influas almenaŭ, ke mi rezignu tiun, de mi promesatan, klarigon...

Momenton de pacienco, gasamideanoj karaj, momenton...

Jen ĝi:

Damninda mia strangeco kaŝiĝas nur en kelkaj, mallongaj vortetoj: Kial? Kiel? Pro kio? Por kio? k. t. p.

Unuvorte en diversaj, sennombraj, frapaj demandoj, kiujn mi senĉese starigas al mi mem, sed je kiuj, bedaŭrinde, mi neniam trovas konvenajn respondojn.

Vane...

Sed malgraŭ tiu vaneco, mi tamen ĉiam serĉas ilin... serĉas obstine ĝislace, intense...

Mi serĉas saĝajn respondojn... je malsaĝaj demandoj.

Mi ĉiam deziregas scii: kial estas tiel, anstataŭ tiel?

Pro kio ĝi aspektas tiel, anstataŭ alie? Kial li... ŝin, kaj ŝi... ne reagis? Pri kio oni nun pensas? Kiamaniere estos solvita?...

Sed je tiuj demandoj mi neniam ankoraŭ trovis ĝustan respondon. Mi ŝvitas, mia kapo doloras netolereble, mi turmentiĝas, perdiĝas en pensarkaoso, sed vane...

Malicaj — kial? kiel? kien? kion? k a. simile al mordemaj, koleraj vespoj rondas ĉirkaŭ mia ardplena kapo... pikas, zumas...

Vane, vanege mi serĉas respondojn .. vane mi turmentiĝas... Sed rezigni damnindan respondserĉadon mi tamen ne povas... En tio kaŝiĝas mia strangeco, strangeco malnorma, malsana...

— — — — — — — — — —

Mi rigardas ĉe mia fenestro kreskantan arbon. Gi estas belstatura, florkovrita pirujo... en facila zefiro tremas verdaj folietoj, ŝutiĝas teren lanugo de blankaj florflokoj . mi observas kun plezuro... kaj jen...

Kial ĝi elkreskis ĉe mia fenestro, anstataŭ ie... aliloke? Kio estas ĉefkaŭzo de tio? Kaj kial ĝiaj folioj estas verdaj, kaj floroj blankaj? Kial ne estas inverse? Kial? Pro kio? Mi obstine demandas, sed antaŭe jam scias, ke vana estos mia porresponda mensostreĉo. Mi ne trovos respondon, ve!... eĉ pli malbone: mi estas certa, ke eĉ se mi trovus ian provizoran respondon, mi tuj denove ekdemandus: kial tiuj arbfolioj estas... blankaj, anstataŭ esti ruĝaj, kaj la floroj estas verdaj anstataŭ esti.. griz-cindrecaj? Mi konscias, ke ĉiu respondo naskus demandon alian, kiu denove postulus novan respondon, kaj tiel senfine.

Mi premas mian malfeliĉan kapon, mi ĝemas peze, mi preskaŭ ploras, sed tio ne helpas al mi en mia nekutima animsufero. Kial? kiel? pro kio?... damnindaj demandoj alkondukas min al frenezo! Mi ne supervenkos ilin...

Kun neimagebla malfacileco mi penas ne pensi pri la damninda pirujo kaj pri ĝiaj blankaj, verdaj, ruĝaj kaj griz-cindrecaj floroj kaj folioj.

Post kelka tempo mi iom trankviliĝas.

— — — — — — — — — —

Kio estas senfineco? Kial tiu kompreno estas ne alirebla por homa cerbo? Universo estas senfina? Kial senfina? Mi levas kapon kaj rigardas ĉielon. Tio estas blua senfinaĵo. Tie... alte, altege estas nenio... malpleno .. terura senfineco. Ne, tio maleblas! Ie... devas esti ia fino... devas. En mia malsana imago mi kalkulas atomojn de sablo, el kiuj konsistas nia globo... mi eksentas, ke terura fantomo de frenezo komencas enŝte-

liĝi mian cerbon, sed mi ne povas ĉesigi malbonaŭguran pensarkuregon... mi penegas imagi monstregan ciferon, esprimanta kvantegon da atomoj, el kiuj konsistas nia Tero, poste mi milpotencigas tiun frenezigan nombregon, unuopojn de ricevita rezulto mi aliformigas en miliardojn da kilometroj kaj ricevitan longon mi konkretigas image en longegan bastonon. Mi „prenas“ mil da tiomlongaj bastonoj, kunligas ilin ĉe iliaj finaĵoj kaj tiamaniere ricevitan „bastoneton“ mi apogas per unu ĝia finaĵo sur supraĵo de tero kaj konstatas kun kontento, ke alia ĝia finaĵo atingis... la finon de universo. — Kaj tamen fino tiu ekzistas, mi trovis ĝin!... mi ĝojegas ned reble, mi fieras pro mia genieco, pro mia superhomeca, dieca saĝego: mi ja trovis la finon, la limon de senlima universo... la finaĵo de elimagita bastonego atingis konkretan finaĵon de kosmo... ekspiro de nekomprenebla malpezego elŝiriĝas el mia brusto, sed subite...

Rea, damninda, malbenegata, fantoma, konsternega, monstra demando, demando postulanta tujan respondon, ekatakas min satane terurege... nu, nun mi certe freneziĝos... fi! tio estas jam troe...

— K i o t r o v i ĝ a s p o s t t i u f i n a ĵ o ? !

Mi rampas permane kaj perpiede sur planko pro, trapaŝanta ĉiajn limojn, nehomeca suferego, la larmoj de neeldirebla, neimagebla turmento verŝiĝas el miaj okuloj, duonbakitaj lipoj, malfacile kaptante aeron, flustras senfine: Kio, kio?

— — — — — — — — — —

Dank' al senfineco de universo mi trakuŝis 3 tagojn en lito, malsana je... brulumo.

— — — — — — — — — —

Pasis kelkaj tagoj. Damnindaj demandoj iom ĉesis min persekuti. Laŭpove mi zorgis direkti mian atenton al aĵoj, kiuj pro siaj bagateleco kaj simpleco, ne surĵetis al mi spontaneajn, respondpostulajn demandojn. Mi serĉadis diversajn distrojn, mi komencis legi humoraĵojn de Twain, Czechow, Makuszyński, esperantajn komunikojn pri „konsenta kunlaboro de U. E. A. kaj I. E. L.“ mia apetito kaj humoro videble ripariĝis, kaj ŝajnis al mi, ke proksimiĝas ĝoja momento de tuta resaniĝo...

Sed vane mi revis...

— — — — — — — — — —

Tio estis hieraŭ. Tutan tagon mi estis promenanta en arbaro, ĝojigante miajn okulojn per beleco kaj riĉo de enplene disflorinta printempo. Gaja pepado de birdoj, forta florodoro, ora lumbrilo de la suno per ĝuiga, kvietiga balzamo surfluis mian ĝojplenan animon kaj refreŝigitan menson. Mi promenadis ĝis laco, kaj nur malfruan vesperon mi revenis hejmen. Lacigite, tuj post malpeza vespermanĝo, mi enlitiĝis kaj ekdormis. Kaj jen mi vidis sonĝon: mi kvazaŭ plue promenas en la sama arbaro; la sama birdkantado, samodoras la floroj la suno lumas, mi ĝojas pro vivo, admiras printempan ĉarmon, dum subite... el sub ia arbo elsaltas ia fremda homo... senvorte li proksimiĝas al mi, momenton rigardas miajn okulojn kaj subite... tute neatendite de mi, li eklevas manon kaj forte ekbatas min... en vizaĝon. Li ekbatas min nur unufoje kaj malaperas en arbodensaĵo. Kolerigite mi postkuras lin, por venĝi mian ofendon, sed subite... mi vekiĝas. Mi vekiĝas kolera, kiel ĉiuj diabloj, kontraŭ ĉiuj, kontraŭ Dio, kontraŭ tuta mondo... Mi rapide laviĝas, rapide vestiĝas, mi konvulsie kunplektos manojn eĉ ostoj . ekkrakas en artikoj, sed nenio helpas. Damninda, nova demando, elrampinte el okultaj, kaŝitaj anguletoj de konscio, ekatakas min kun duobla furiozo, antaŭpromesas novajn anim-kaj mensosuferojn kaj, ne ricevinte konvenan respondon, muĝegas en mia ardplena cerbo, simile al diabla muelejo: P r o k i o l i m i n e k b a t i s j e v i z a ĝ o ?

Kaj ĝis nun mi ankoraŭ ne trovis je ĝi... respondon.

*Eugeniusz Matwiejczuk*
(Kamień Koszyrski).

# LASTE AL S-RO MATWIEJCZUK.

Estimata sinjoro Matwiejczuk! Afable akceptu ankoraŭ la lastan publikan klarigon. Mi forte esperas, ke la iomete krudan proverban komparon vi ne pritaksis laŭlitere rilate vian personon, kiun mi — malgraŭ malsamaj opinioj — respektas senŝanĝe. Ne estis mia celo primoki, aŭ ofendeti vin, sed nur amike doni al vi (kaj al aliaj) la konsilon. Vi faris al mi la demandon publike, do mi estis devigita respondi nur sur tia vojo. Mi tute ne estas kontraŭ tio, ke nia interkontakto — sed ne kverelo, malpacigo ktp. — daŭru sur privata vojo, eble tio estos utila por ambaŭ flankoj. Sur tiu vojo vi povas komuniki al mi la faktojn, firmigantajn vin en via senŝanĝa opinio, — eble efektive gravajn kaj ankaŭ por mi interesajn.

Mi opiniis vin inda kaj valora esperantisto, jes, (kaj ne senkaŭze) sed tio estis ne verdikto, kiu venadas post detala esploro. La kaŭzoj de mia opinio estis simplaj: viaj verkoj kaj de ili entenataj ideoj, kiuj abundas en Pola Esperantisto — jam delonge turnis al vi mian atenton, kaj eĉ eble vi ne scias — dediĉe al vi mi verkis versaĵeton, delonge troviĝantan en redakcio de P. E., kiu ne presiĝis ĝin, eble, ĉar ĝuste tiam vi estis sendinta la malfermitan leteron. Tio sufiĉis por mi, ke mi ekopiniu vin valora, kaj tiun opinion mi ankaŭ nun ne ŝanĝas, mirante, ke vi traktis ĝin, kiel ironion

Neniel mi volis dolore tuŝi vian vundon, pri kies ekzisto mi ne sciis, kaj antaŭ via animtragedio mi klinas la kapon. Sed kial ĝi estus influinta mian respondon? Jes! reunuiĝo! Sed kio okazas kun UEA. Pri tio ne informas nin „Pola Esperantisto".

inĝ. *M. Chmieliński.*
Toruń.

## *LA PLENDO DE BLINDIĜINTO.*

*Kaj denove ornamita*
*per elflora krono,*
*venis teron prirevita*
*suna jarsezono!*

*Kun birdkantoj, sunvetero...*
*kun rosbril', ĝoj', varmo...*
*ree venis nin somero*
*kaj somera ĉarmo.*

*Kaj denove mond' bluoras,*
*verdas arbfolioj,*
*kaj denove florodoras*
*rozoj kaj lilioj.*

*Sed dum sun' radie benas,*
*lun' arĝente lumas,*
*min... eterna nokt' katenas,*
*krepuskeg' brakumas!*

*Dum la suno ore ardas,*
*mi ĝin ve! ne vidas:*
*kien ajn mi nur rigardas,*
*ĉie nokt' insidas.*

*Ĉie pendas blindkurteno,*
*ŝvebas nokt' profunda,*
*ĉie nigr', krepusk', malpleno...*
*kaj mallum' senfunda!*

*Eugeniusz Matwiejczuk*
(Kamień Koszyrski).

*ADOLF KERNER.*

## TURISMO.

(FINO)

Tamen la pasiva turismo havas socian signifon, ĝi estas amasa kaj disponigas multajn facilaĵojn.

Male, la aktiva, sporta turismo, estas inspirata de induvidua iniciato. La sporto kaj la sanaj motivoj estas ja bazo de la aktiva turismo. La plej grava konsistelemento de la sporto estas la movo en fizika senco, konkerado de la spaco. La movo estas aktiva stato, kiu postulas la streĉon de la volo kaj de la intelekto, la laboron de nervoj kaj de muskoloj.

Laŭ mia opinio, kaj plej ĝusta turista veturilo, kiu havas sportajn kvalitojn estas la biciklo.

Sed la biciklo ebligas al ni krome la senperan kontakton kun la naturo, pejzaĝo kaj folkloro. Ni povas libere resti de mateno al krepusko en sunplena spaco penetrata de ebriiga aromo de kampoj kaj arbaroj. Ĉu tio estas ebla en populara trajno, kie ni havas kontraŭ ni... la nazon de la najbaro kaj la kradon de la fenestro?

La naturo, t. e. la tersupraĵo kun ties diversforma kaj diverskolora aspekto, kun ties tonoj de primitiva vivo, fortigas la homan psikon kaj organismon. Kion vidas okuloj, aŭskultas oreloj, de tio, kion perceptas sentoj, formiĝas impresoj, de impresoj formiĝas agordoj, bonaj kaj malbonaj.

Alie ja efikas la montpanoramo, alie la etendiĝanta ebeno, alie la arbarinterno, alie la aspekto de lagoj, alie ho, kiel alie, la malvasta kaj mucidaera ĉambro en la granda urba domaĉo.

Mi jam delonge konkludis la terapian valoron de la sporta turismo kaj de multaj jaroj mi ĉiusomere vagas tra la lando, plej ofte perbicikle, kiu per minimumo da peno rezultigas maksimumon da efiko.

Eble miaj ekskursoj estas tre modestaj kompare kun la aliaj; mi citu nur la nederlandajn samideaninojn, kiuj antaŭ du jaroj faris 5.000 kilometrojn tra la meza Eŭropo al la Jubilea Kongreso, tamen ili donas al mi la plej agrablajn travivaĵojn kaj rememorojn.

*ŚWIATOPEŁK KARPIŃSKI.*

# KELKAJ LETEROJ PRI LA SAMA AFERO.

Kara Lila, Varsovio, 7 IV. 1938.

Ne revenu el Zakopane, ĉar vi ne povos gasti ĉe mi. Mi ne volas, ke la onklo Anatolo sciu, ke ni ankoraŭ kune loĝas, kvankam jam forpasis du jaroj de nia eksedziĝo. La onklo sendas al mi Peĉjon, por ke li vizitu Varsovion. La estaĵo havas dekdu jarojn,, nomiĝas Kardulević. Li loĝos ĉe mi semajnon, poste mi pakos lin kaj resendos al Lodzo. Skribu, kion mi faru kun li. Kisas vin kore

via Staĉjo

* * *

Aminda Staĉjo, Zakopane, 10 IV.

Ĵus mi ricevis la leteron, en kiu vi skribas, ke vi havos infanon, Mi tre maltrankviliĝis. Ĝi povas vin infekti je kokluŝo aŭ angino. Mia konatulino, kies amikino havis infanon, informis min, ke oni ne devas doni viandon al infanoj, ĉar ili poste havas ruĝajn okulojn. Ordonu al Genjo, ke ŝi donu al ĝi lakton. En la lakton ŝutu sulfuron, tio tre taŭgas por ostoj. Se ĝi ploros — venigu ĝin en cirkon. Ĉiuokaze mezuru al ĝi temperaturon. Kisas Vin centfoje

Via Lila.

* * *

Varsovio, 13 IV. 20 h. Telegramo:

La infano alvenis. Cirko ne funkcias. Kion fari? Stanislao

* * *

Zakopane, 13 IV. Telegramo:

Ĝi dormu. Lila

* * *

Varsovio, 14 IV. Telegramo:

Ĝi vekiĝis. Stanislao

* * *

Zakopane, 14 IV. Telegramo:

Konduku ĝin promeni. Letero sekvas. Lila.

* * *

Plej Amata Lila Varsovio, 15 IV.

Ankoraŭ mi ne ricevis la leteron, pri kiu vi mencias en la telegramo, kaj kun la infano mi ne povas min helpi. Ĝi frue vekiĝis. Mi donis al ĝi donacojn: klakilon, urseton kaj simieton el pluŝo. Ĝi ne volis ludi. Mi mezuris temperaturon; ĝi estis normala. Mi ordonis ludi kun ludiloj kaj ĝi ekploris, ke volas Varsovion viziti. Mi prenis ĝin en aŭtotaksion kaj ni ekveturis vizitadi. Ni komencis de la restoracio „Oazo", sed la infano tre enuis, do mi proponis ŝanĝi la ejon. Ni veturis al „Sub Karaso", poste al „Eŭropo". Brandon ĝi trinkis unuagrade. Viandon mi ne permesis manĝi. Fine vesperiĝis kaj ni iris dancejon. La infano ne dancis komence kaj verdire tre enuis, sed kiam tagiĝis, ĝi tre bone amuziĝis en „Adrio". En tiu ĉi momento estas jam la naŭa horo matene. Ĵus ni revenis hejmen. Mi skribas la leteron, kaj ĝi jam dormas bone. Kisas vin zorgeme

Staĉjo.

P. S. La sulfuro ne estis akirebla en iu ajn restoracio. S.

* * *

Zakopane, 14 IV.

Kara Staĉjo,

La konatulino, kies amikino havis infanon, precize klarigis al mi, kion oni faras kun ili dum la tuta tago. Do, matene oni devas veki, doni matenmanĝon kaj promeni kun ĝi ĝis tagmanĝo. Post tagmanĝo oni devas ĝin promenigi kaj alkonduki ĝin por antaŭvespermanĝo kaj poste aŭ ankoraŭfoje iri kun ĝi promeni aŭ tuj doni vespermanĝon kaj ĝi dormu.

Kisas vin Lila.

* * *

Kara Lila. Varsovio, 17 IV.

Mi tre dankas pro la informoj. Cetere mi ja ne povas dum la tuta tago promeni, do tiu gapema Genjo kondukos la infanon promeni. Mi jam aĉetis hundrimenon, ke ŝi ne perdu ĝin ie. Nur domaĝe, ke de post nia reveno de nia turisma ekskurso tra Varsovio, pri kiu mi skribis al vi en la pasinta letero, la infano tre ekmalgajis. Ĝi kuŝas en lito jam du tagojn. Nenion ĝi volas manĝi. Eĉ ne parolas. Mi ludis sur patefono por ĝin gajigi — nur ekploris. Kaj tia pala...

Kisas Vin Staĉjo

* * *

Zakopane, 18 IV. Telegramo:

Infano malsanas. Vi estas murdinto. Kisas. Lila.

* * *

Kara Lila Varsovio, 22 IV. 1938

Jam pli ol semajnon mi ne skribis al vi, ĉar mi havis terurajn klopodojn kun la infano kaj ankoraŭ pli multajn kun kuracisto. Memoru, se vi iam rilatos kun infano neniam donu al ĝi alkoholaĵojn. Dum la unuaj kvar tagoj ĝi kuŝis kiel senviva. Nur la kvaran tagon ĝi iom komencis amuziĝi en la liteto. Ĝi rompis — antaŭ ĉio kelkajn fenestrojn, jetante en ilin per teleroj el via servico, poste ĝi tranĉis per tondilo la kurtenojn kaj litaĵon, unuvorte ĝi estis jam pli gaja. Nun ĝi fartas tute bone. Mi admiras

fantazion de la infano. Ekzemple ĝi amuziĝis je bestoj tiamaniere, ke ĝi per razilo mallongigis ĉiujn viajn peltojn por povi en ili libere kuri kaj jen ĝi estas foko, jen simio kaj iafoje ĝi ŝajniĝas ermenon. En tiu ĉi momento ĝi amuziĝas je indiano. Ĝi enŝtopis en la kapon viajn strutajn plumojn, forprenis de Genjo hakilon, dishakis meblojn kaj metis ilin meze de via ĉambro. Poste ĝi skalpis kelkajn viajn ĉapelojn, bruligis grandan fajrujon kaj dancas iun militdancon. Tre gaja infano. Ĝi pilkludas nur per plenaj inkujoj. Bedaŭrinde, ke vi ne povas ĉi tie esti kaj ĉion vidi.

Kisas vin Staĉjo.

* * *

Zakopane. Telegrame:
Mi tuj alvenas. Mortigos vin ambaŭ Lila.

* * *

Varsovio. En poŝtoficejon de Zakopane.
Resendo. La telegramon oni ne povas enmanigi. La domo de la adresato brulas. La adresaton oni ne trovis.

* * *

El pola lingvo tradukis

*I. Drutwer*

# KOMUNIKO DE P. E. D.

## KOMUNIKO DE I. E. L.

Al aliĝemuloj mi komunikas, ke ekde 1. VII. 1939 oni povas aliĝi al IEL laŭ jenaj kotizoj: membro kun jarlibro 4 zł, membro abonanta semajnan organon — 14 zł; membro abonanta monatan organon — 7 zł 50 gr. Kotizojn pagu poŝtĉeke P. K. O. 203616. Post pago de kotizo oni ricevas jarlibron, servokuponaron kaj membrokarton, ankaŭ la monatan organon. Tutjaraj kotizoj estas pli altaj je 3 zł 50 (MA) resp. 10 zł (MAH).

* * *

Malgraŭ malfavoraj kaj necertaj tempoj nombro de individuaj membroj de IEL en Polujo kreskas kaj jam proksimiĝas al 100. Ĉar en nia lando oni ofte premias rondciferajn aliĝintojn (ekz. Polskie Radio) mi decidis doni premion al 100-a aliĝonto — esperantan libron.

Kondiĉoj de premiado: aliĝinto devas pagi tutjaran kotizon — MJ — 4 zł, MA — 11 zł, MAH — 24 zł. Se aliĝinto estos MJ — li ricevos 70 paĝan libreton, se MA aŭ MAH — 120 paĝan. Decidas dato de enpago (PKO. 203616), se samtage estos pagitaj kelkaj kotizoj — okazos lotado. Speciala aliĝilo ne estas bezona, nur oni skribu profesion, nomojn kaj adreson. Rezulto estos anoncita en protokolo de kontrolonto.

Okaze mi sciigas, ke kiu volas ricevadi El. aŭ HE ekde 1. VII. tiu pagu 7,50 zł kaj 14 zł — sed li ne rajtas esti premiita.

En tagoj 16. VII. — 1. VIII. verŝajne mia adreso estos: Warszawa — ul. Wspólna 65 m. 17. Pagojn tamen direktu laŭ la supra

**inĝ. M. Chmieliński**
Toruń, Krasińskiego 4.

* * *

## Atentu! Grava komuniko.

Pro konataj kaŭzoj areto da pollandanoj atendas ĝis lasta tempo kun aliĝo al XXXI Universala Kongreso de Esperanto en Bern. Nun tamen venas la lasta tempo, kaj malfruiĝo povas nur fari malprofiton al volontuloj. Mi do atentigas ilin, ke mi *ne povas* gavantii ĝustatempan ricevon de kongresa karto, se mi ne estos ricevinta kotizon kaj event. loĝejan pagon ĝis 26-a de julio kaj kongresaliĝilon kun event. loĝejmendilo tagon pli frue. Notu, ke enpagojn laŭ mia PKO. 203616 mi ĉiam ricevas tagon pli malfrue ol ordinare la poŝtaĵojn. Krome bonvolu noti, ke ekde 16 de julio ĝis ankoraŭ ne fiksita dato mia provizora adreso estos: Warszawa I, Wspólna 65 m. 17. Tien do bonvolu direkti demandojn kaj petojn pri aliĝiloj kaj informoj. Al viaj petoj *nepre* aldonu reafrankon, ĉar alie mi *ne respondos*, ĉar mi tro elspezis al nuraj demandintoj. Tamen la pagojn faru laŭ supre citita PKO. sen montro de mia adreso. Laŭ la supra adreso en Warszawa mi estos vizitebla matene inter 9-a kaj 11-a — sed kompreneble mi ne povas garantii, ke mi ne estos ĝuste foririnta, tamen mi lasados ĉe dompordistino tempon de mia verŝajna reveno. Kongreskartojn liveros mi *nur* post ricevo de kotizo. Ĉi tiun okazon mi uzas por reinformi, ke kongreskotizo estas 42 zł. Restadon kun vivteno oni povas aranĝi laŭ 3 manieroj kaj 4 kategorioj. La unua maniero por 180, 156, $139^{50}$ kaj $129^{50}$ zł entenas plenan pensionon kun ebleco preni unu ĉefmanĝon en restoracio en urbo laŭ elekto, dua aranĝo — por 185, 156, $134^{50}$ kaj 120 zł entenas plenan pensionon sen la ebleco de maniero unua, tria aranĝo entenas duonan pensionon, t. e. nur du manĝojn — por 150, 126, 114 kaj 100 zł. Kongresaj glumarkoj estas riceveblaj ĉe mi por 0·85 zł — 50 pecoj.

**Gravege: loĝejaj kostoj (sed ne la kotizo) estos redonotaj al neveninto en 95%.**

**inĝ. M. Chmieliński**
Toruń, Krasińskiego 4.

# IX POLLANDA KONGRESO DE ESPERANTO

**LWÓW, 9—10. IX. 1939**

# ALIĜILO.

La subskribint(in)o aliĝas al IX Pollanda Kongreso de Esperanto en Lwów. Samtempe
mi pagas por kongreskarto [1]) . . . . . zł ..........
por donacoj (blindulkaso) . . . . . . . „ ..........

kune . . zł ..........

mi sendas — per poŝtmandato [2]) — per enpago je P. K. O. konto [3]).

Familia nomo { S-o / S-ino / F-ino } ..........

Antaŭnomo ..........

Profesio ..........

Urbo ..........

Strato .......... Nro ..........

Dato: .......... Subskribo: ..........

**Nebezonan forstreku!**
**Skribu tre legeble — prefere per skribmaŝino!**
**Uzu apartan aliĝilon por ĉiu persono!**

[1]) Kotizo: zł 3·—; junularo, studantoj kaj akompanantaj familianoj pagas duonon; blinduloj senpage.

[2]) je adreso: S-ino Laura Nadel, Lwów. Hołówki 10 (Kongreso).

[3]) „ „ Józef Toczyski, Lwów. Konto PKO 507.280.

# RADIO.

**Per radio Esperanto eniras sur kampon vere praktikan! Subtenu la E. dissendojn Skribu al la stacioj!**

## PROGRAMO DUM JULIO

**La horoj estas indikitaj laŭ mezeŭropa tempo.**

### REGULAJ ĈIUSEMAJNAJ DISSENDOJ.

**Dimanĉe:**

9.45—10·00 Lille: Esperanto-kroniko. 10·10—10·25 Kortrijk (204 m) Kroniko de G. Debrouwere.

20·00—21·00 JV 2 RL Caracas (51,72 m) Parolado.

21·50—22·10 Romo 2RO6, 19·61, 2RO9

31 02 k. eventuale Romo II, (245 m) Semajna bulteno.

23·45—0·30 Paris PTT (431 m) Esperanto-teatraĵo.

**Marde:**

21·20—21·35 Kaunas (1936 m) Klaipeda Memel 531 m) Lyiac (35 m) „Nia anguleto".

22·00—22·10 Turi (410 m), Tartu (579 m), Tallinn (229 m) E. kroniko.

22·25—22·40 PRF5 (31·58 m), PRF 2 Rio-de-Janeiro (780 m): Informoj kaj kantoj.

23·35—23·40 PRF3 (31·58 m), PRF2 (780 m), Rio de Janeiro, Oficialaj informoj kaj kantoj dum la „Horo de Brazilo".

22·30—22·45 PRC 7. Mineira (960 kil.) „Momento de Esperanto".

**Lunde:**

19·45—20·00 Montpellier - Languedoc (224 m) Kroniko de A. Capoulade.

**Merkrede:**

2·45—3·45 XECR (50·17 m) Mexico — Esperanto-kroniko. 19·45—20·00 LTI Rosario (384 m): Esperanto-kroniko.

**Ĵaŭde:**

10·30—10·45 Paris PTT (431 m): Esp.-kurso.

**Vendrede:**

2·45—3·45 XECR Mexico (50·17 m) — Kroniko.

**Sabate:**

10·30—11·— 7 HO HOBART — E. kroniko.

17·15—17·30 Loksbergen-Limburg (202 m), Esperanto-kvaronhoro. 18·40 — 19·00 Roma II (245 m); IRF (30·52 m) kaj 2RO9 (31·02 m) — Turisma kroniko.

20·00—20·15 PRF 8 Pernambuco (960 m): Informoj, kantoj kaj kurso.

# KATOLIKA ESPERANTO MOVADO.

## XXIa MONDKONGRESO DE KATOLIKAJ ESPERANTISTOJ

### 5—10 aŭgusto. Antwerpen 1939.

La XXIa Kongreso de I. K. U. E. (Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista), kiu ĉijare okazos en Antverpeno (Belgio) tuj post la Universala Kongreso en Bern, estos unu el la plej brilaj IKUE-kongresoj. Ĝi estos brila ne nur pro la fakto, ke ĝi estos oficiale malfermata de Lia Eminenco Kardinalo van Roey, Primato de Belgio. kiu ankaŭ en la solena malferma Meso pontifike asistos, sed ankaŭ brila pro la multenombra partoprenantaro.

**Honora Komitato.**

En la honora komitato, de kiu Lia Eminenco Kard. van Roey estas prezidanto, sidas Monsinjoro Micara, Apostola Nuncio en Belgio, ĉiuj Episkopoj de Belgio kaj plue multaj altranguloj el la politika kaj kultura vivoj.

**Kongresejo.**

Ĉiuj kunvenoj okazos en la fama konstruaĵo »Concordia«.

**Kongresgazeto.**

La oficiala kongresgazeto estas Flandra Katoliko, kiu enhavos ilustraĵojn kaj ĉiajn informojn utilajn kaj kiu estos sendata al la kongresontoj ek de majo.

**Adresoj.**

Por ĉiuj informoj, mendoj de afiŝoj kaj glumarkoj turnu vin al la kongressekretariejo: Potgieterstraat 1, Antverpeno.

Por ĉiuj pagoj la adreso estas: XXIa Kongreso de IKUE, Erembodegemstraat 29, Aalst, Belgio. Poŝtĉekkonto no 415.480.

Notu 5 fr = 1 Belga.

## LA SOPIRO.

*En ia turmenta, senfina delir'*
*dum nokta silento majesta,*
*mi sidas soleca, en peza sopir'*
*kaj revas pri l' tempo... foresta.*
*Mi sidas senmove, en strangapati!...*
*dum pika, stimula al ploro,*
*el noktaj krepuskoj aperas ĉe mi,*
*fantomo de la... Rememoro.*
*Aperas turmenta vizio de l' Van',*
*dum kor' prosopire suferas,*
*dum sur la nebula imago-ekran'*
*la bildoj de l' Viv'... reaperas.*
*Sed pas ... timigaj!... ĉar vere de nun,*
*mi mem de sopir' min detenos,*
*ĉar bone mi scias, ke mia la jun',*
*iam pasis kaj... ve!... ne revenos!*

*Eugeniusz Matwiejczuk*
(Kamień-Koszyrski).

## K T P.

*Vi asertas karulin', ke vi flame amas min,*
*ke kun sent' de ega ĝu', vi kun mi... ktp.*
*Vi pruvadas, ke sen ĉes', nia am',kisad', kares'...*
*kaj pasia korpeksku', ĉiam ja... ktp.*
*Sed ho, „kara" Rozali', nun respondas mi al vi*
*senkolere kaj sen bru', ke mi vin... ktp.*
*...ke kun sento de agrabl', mi vin sendas... al diabl',*
*ĉar sufiĉas jam enu', kiun vi... ktp.*

*Eugeniusz Matwiejczuk*
(Kamień-Koszyrski).

# POLLANDA KRONIKO.

### Varsovia Esperantista Societo. (1933—1939).

La estintan jaron pasis ĝuste kvin jaroj post la starigo de Varsovia Esperantista Societo. La plej aktiva Esp.-societo en la naskourbo de Esperanto estis kreita preskaŭ hazarde. En la fino de 1931 j. ekzistis esp. klubo ĉe Akademia Esperanta Rondo, kiun apartenis esp. gekursanoj kunlaborantaj efike kun A. E. R.-o. Sed en la j. 1933 estis publikita leĝo pri studentaj organizaĵoj laŭ kiu estis malpermesite, ke ekzistu interstudenta organizaĵo de kelkaj altlernejoj. La Generala Kunveno de A. E. R.-o decidis do per la plimulto da voĉoj fondi sendependan esp. organizaĵon. La klopodoj por registara aprobo de novefondata esp. organizaĵo daŭris de marto ĝis oktobro, kiam ĝi estis fine registrita de Registara Komisario (nro 170) sub la nomo de „VARSOVIA ESPERANTISTA SOCIETO". Laŭ la statuto ĝi estas neŭtrala kaj nepolitika kaj havas por la tasko propagandi la lingvon internacian kaj la esperantismon kaj ebligi al la anoj la plej perfektan ekkonon de la lingvo. Dum 3 kaj duono da jaroj de sia ekzisto Varsovia Esperantista Societo estis vere la torĉo, kiu subtenis esp. fajron en Varsovio, ĝi estis ofte sola posteno de nia movado, kaj senlace laboris gvidata de s-ano Dratwer, fondinto kaj konstanta prezidanto de la Societo. Dum tiu tempo estis farataj dum klubaj vesperoj centoj da prelegoj en kaj pri Esperanto, multaj kun lumbildoj, kaj kies prelegantoj estis ofte eminentaj espe-

rantistoj kaj eksterlandanoj (J. Baghy, Tiberio Morariu, Eŭg. Cense, Migliorini, japano Nakahari, greko Thomopulus, I. Lejzerowicz, J. Fethke, E. Olschwanger, k. a.) Estis aranĝataj multaj esperantaj kursoj (elementaj kaj daŭrigaj), kiuj rekrutigis centojn da novaj gesamideanoj. Ĉiujare estas faritaj solenaj vesperoj dediĉe al dro Zamenhof. Estas aranĝita seminario pri literaturo kaj historio de Esperanto.

La propaganda servo iniciatis radio-agadon celantan enkonduki kursojn kaj prelegojn esperantlingvajn en la programon de Pola-Radio. Krome estis presigitaj propagandaj afiŝoj kaj libroenmetiloj. En la societo estas surmurigata grupa gazeto „Nia Voĉo", kies kunlaborantoj estas la anoj. La Societo ankaŭ zorgas pri la interamikiĝo de la societanoj kaj tiucele aranĝas rabatajn kino kaj teatro-prezentadojn, vendredajn dancvesperojn en la societo, ekskursojn kaj aliajn distraĵojn.

La Societejo troviĝas ĉe str. Leszno 56/9, en knabina lernejo. Ĉe la pordo pendas sur la muro granda verda tabulo kun esperanta kaj pola surskriboj.

La societejo disponas la sekretariejon, klason kaj salonon. Ĝi estas malfermita kvarfoje semajne. Por la anoj estas disponebla riĉa biblioteko kaj legejo de esperantaj gazetoj: „Heroldo de Esperanto", „Pola Esperantisto", „La Praktiko", „Nia Gazeto", „Sennacieca Revuo", „Literatura Mondo" k. a.

La Societo estas vaste konata en Varŝavo.

**WARSZAWA.** Varsovia Esperantista Societo (Leszno 56/9) konstante kaj vigle laboras por la Esp.-movado: f-ino Lidia Zamenhof parolis lerte kaj interese pri Usono, ties vivo kaj kutimoj; fuĝinto el Germanujo rakontis korskue pri la terura situacio en Ĉeĥoslovakujo antaŭ la germana invado; f-ino Dora Kagan prelegis pri la edukado de junularo en antikva Romo; prezid. Isaj Dratwer faris raporton pri esp. problemoj kaj f-ino Lidia Zamenhof demonstris la metodon de Cseh. Krome la 18-an de aprilo estis okazinta kluba vespero dediĉita al Zamenhof. Deklamis: D. Kagan, H. Bojter, H. Wassersprung. Ĉeestis ĉ. 60 personoj. Estas gvidataj du kursoj (elementa kaj supera) de f-ino Lidia Zamenhof (ĉeestas ĉ. 60 gelern.).

**POST-OLZA REGIONO.** Post la aliĝo de nia regiono al Polujo la movado ekstagnis. Parte ties kaŭzo estis la translimiĝo de kelkaj bonaj gvidantoj — tio estas la unua kaŭzo kaj la dua: la nereguleco de ĉiuj aferoj — rilatoj. — Tiuj du faktoroj influis la ekstagnon de la laboro.

Nun denove, kiam la aferoj ordiĝis — do la pordo al la laboro malfermiĝis — niaj samideanoj ekkomprenis, ke denove necesas kontinui la laboron.

Oni ekkomencis labori. Kiel la unua ekkomencis „Estonteco" en Stonawa. Kiu societo sekvos ĝian ekzemplon? Ĉu eble la Sucha'aj samideanoj, kiuj tiel fruktodone laboris sub la ĉeĥa estraro. Do kuraĝe antaŭen!!

**STONAWA (Zaolzie).** Nia societo „Estonteco" aranĝis la 21. V. 39 la unuan kunvenon en la libera patrujo. La kunvenon malfermis s-ano Chudoba salutinte la ĉeestintojn kaj prezentante al ili la tagordon. La ĉefa punkto de la kunveno estis „kiel plifortigi nian lokan movadon?" Tion decidplene respondis s-ano Bubik, asertante, ke la plej bona rimedo por plifortigo de nia loka movado estas okazigo de la kurso por komencantoj en aŭtuno, antaŭita per la prelego de iu eksterlokano. Sekve de tio oni povas esperi, ke la kurso estos multnombre vizitata. Tiu ĉi klarigo de s-ano Bubik estis aprobita. Tion sekvis diskuto, lingva anguleto, diversaĵoj kaj kiam la programo elĉerpiĝis, s-ano Chudoba fermis la kunvenon, dankinte al ĉiuj por la alveno.

La dua sekcikunveno okazis la 25. VI. 39 sed ĝi ne sukcesis tiel bone kiel la antaŭa. Post malfermo de la kunveno kaj post la saluto de la ĉeestintoj sekvis la tralego de la lasta protokolo, kiu estis aprobita. Sekvis mallonga prelego de s-ano Popiołek pri „Universala Esp-Asocio" („U. E. A."). Tio estis la ĉefa punkto de la kunveno. Ĝin sekvis babilado, lingva anguleto. Poste s-ano Chudoba en kelkaj vortoj tre lerte prezentis al ni kaj respondis la demandon „kiel necesas korespondi?" Post malgranda diskuto la prezidanto, dankinte por la ĉeesto, fermis la kunvenon.

Venontan kunvenon aranĝas nia societo la 16 VII 1939 kiu el la eksterlokanoj, volus iujn informojn, skribu al la: Esper. klubo „Estonteco" Stonawa, Zaolzie.

*„Verda Junulo".*

---

**Respondoj de la Redakcio.**

**S-ano Al. Potocki, Zakopane.** Ni treege dankas pro la alsendo de la postmorta rememoro pri Józef Waśniewski, talenta verkisto kaj humoristo, fervora esperantisto mortinta tro frue pro nia afero. Ni laŭeble uzos la alsenditan arkivaĵon.

**Kolonelo Julio Mangada Rosenörn.** Alĝerio. Oran. Centre d'Hebergement Nr 1. La Redakcio publikigos vian alvokon kaj petos pri la represigo.

## INTERNACIA SEMAJNO NEDERLANDO.

La turista fako de la Nederlanda Esperanto Asocio „La Estonto Estas NIA“ aranĝas en ĉi tiu jaro denove 8-tagan restadon, kiu okazos de la 6a ĝis la 13a de aŭgusto en Amsterdam.

La programo enhavas interalie la jenajn vizitojn: Volendam kaj insulo Marken — la granda mardigo en la Zuiderzee — fromaĝfoiro en Alkmaar — pacpalaco en 's-Gravenhage — banurbo Scheveningen.

Ĉiuj kostoj (hotelo — manĝoj — ekskursoj — trinkmonoj) estas Hfl. 55·—.

Petu la senpagan detalan programon ĉe la

Vojaĝ-oficejo de L. E. E. N.
v. Tuyll v. Serooskerkenplein 33
Amsterdam Z. (Nederlando).

★ ★ ★

**NI TRE AFABLE PETAS NIAJN ABONANTOJN, ŜULDANTAJN ANKORAŬ LA ABONON POR J. 1938, PAGI LA ŜULDON JE NIA KONTO PKO. Nr 406.660. EKABONU POR J. 1939.**
**UZU LA ALDONITAN POŜTĈEKON!**

★ ★ ★

**ESPERANTISTA CENTRA LIBREJO**
**11 rue de Sèvres, Paris (6⁰) (Francujo)**
poŝtĉekkonto: C. C. P. Paris 196-01
liveras ĉiujn esperantajn verkojn, ĉefe la Zamenhofajn.

★ ★ ★

## GRAVA AVIZO!

**Reprezentanto de la dumonata, 24-paĝa, ilustrita „SCIENCA GAZETO“ estas por Polujo la administracio de Pola Esperantisto. Abonprezo jara (por Polujo malaltigita) 4 zł, pagata je konto de „Pola Esperantisto“, konto P. K. O. Nr. 406.660. Abonante nun, vi ricevas ĉiujn numerojn depost januaro k. j. Ĉiu klera homo, por kiu ne estas indiferentaj la plej novaj sciencaj temoj — devas nepre aboni la revuon!**

**Ĉe pagoj rimarkigu ĉiam la celon!**
**Abonu por jaro 1939!**

★ ★ ★

**UWAGA!**

Wszelkie wpłaty abonamentu miesięcznika „Pola Esperantisto“ uskuteczniać można na konto PKO. Nr 406.660 lub **przekazem rozrachunkowym, kartoteka nr 29,** co zaoszczędzi wpłacającym koszty przesyłki.

★ ★ ★

**Ostatnia obniżka ceny!**

Naukowe Koło Esperanckie obniżyło cenę na podręcznik szkolny p. t. „LEKCJE JĘZYKA ŚWIATOWEGO ESPERANTO“ w opracowaniu prof. SYGNARSKIEGO (wyd. II. aprobowane powtórnie przez Ministerstwo WR i OP) na 1·— zł. Wpłaty i zamówienia kierować należy pod adresem: N. K. E. Bydgoszcz, pl. Wolności 9 (konto P. K. O. Nr. 210.647) lub **administracji Pola Esperantisto (Kraków, ul. Lubicz 34) konto P. K. O. Nr. 406.660. Przesyłka 15 gr.**

---

ABONO: jare zł 8·—, duonjare zł 4·—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj jare zł 6·— Eksterlande 7 sv. fr. Aparta numero zł 0·70, duobla zł 1·40.

ANONCOJ: 1/2 paĝo zł 30·—, 1/4 paĝo zł 15·—, 1/8 paĝo zł 10·—. Korespondado: anonceto de 10 vortoj (krom adreso) zł 1·—.

PRENUMERATA: rocznie zł 8·—, półrocznie zł 4·—. Dla Towarzystw i grup esperanckich rocznie zł 6·—. Zagranicą: 7 fr. szw. Numer pojedynczy zł 0·70, podwójny zł 1·40.

OGŁOSZENIA: 1/2 strony zł 30·—, 1/4 strony zł 15·—, 1/8 strony zł 10·—. Korespondencja: małe ogłoszenia z 10 słów (prócz adresu) zł 1·—.

Przekaz rozrachunkowy: kartoteka Nr 29, Kraków 2. — Konto P. K. O. Nr 406.660.

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: KRAKÓW, LUBICZ 34.

---

Odbito w Drukarni Miejskiego Muzeum Przemysłowego w Krakowie, ulica Smoleńsk 9.